# ESTRARELEKTO

En la nuna jaro dum la 65-a IFEF-kongreso zorgeme kaj precize devas organizi la laŭstatutan estrarelekton de IFEF por la sekvaj tri jaroj. Kio okazis? Bedaŭrinde la nuna vicprezidantino de IFEF, Sylviane Lafargue pro malbonaj familiaj kaŭzoj ne rekandidatiĝas. La ĉefkomitatano vane instigis la landajn asociojn de IFEF por serĉi kaj rekomendi taŭgan fervojistan esperantiston por tiu posteno. Do restas unu solvo: ne elekti novan vicprezidanton, kaj la taskojn de la vicprezidanto transprenu la elektotaj estraranoj kaj la ĉefkomitatano. Dum la printempa estrarkunsido la estraranoj kaj la ĉefkomitatano detale traktis la temon, kaj decidis, ke ili disdonis la taskojn de la vicprezidanto unu inter la aliaj.

Kiuj estas tiuj taskoj? Laŭ la Statuto §20 punkto 2 tiuj estas:
a./ anstataŭas la prezidanton laŭnecese;
b./ kolektas la jarraportojn de la landaj asocioj, kaj verkas ties resumon por plenkunsido kaj IFEF organo;
c./ transprenas specialajn taskojn laŭ interkonsento kun la prezidanto.

Kiuj estas tiuj „specialaj taskoj”? Ĝis nun tiuj taskoj estas la jenaj:
— respondecas la agadon de la landaj asocioj de IFEF;
— kunlaboras kun la ĉefkomitatano je la pretigo de la „Demandilo”;
— respondecas pri la faka kaj terminara laboro de IFEF flanke de la estraro;
— respondecas pri la IFEF-kongresoj flanke de la estraro;
— verkas la agadplanon de IFEF – laŭ la laborplano de UEA – kaj kontinue kontrolas la efektiviĝon de tiu;
— respondecas pri la interrilato kun UEA;
— respondecas pri la interrilato kun aliaj fakaj asocioj (ILEI, ISAE, UMEA).

Do tiujn taskojn devos plenumi la elektotaj kvar estraranoj kaj la ĉefkomitatano. Mi esperas, ke la agado de IFEF senprobleme daŭros, kaj la estraranoj kune kun la ĉefkomitatano povos plenumi siajn entreprenitajn taskojn.

Do, la elektotaj kvar estraranoj kaj ĉefkomitatano inter si devos dividi tiujn taskojn.

**István Gulyás**

## Frontpaĝo:

**Hotelo Calabresi en San Benedetto del Tronto, kiu estos la kongresejo de la 66-a IFEF-kongreso en 2014**

## Enhavo:

# PRINTEMPA ESTRARKUNSIDO DE IFEF

Por estrarkunsidi la IFEF-estraro denove elektis la belegan italan urbon San Benedetto del Tronto, kiu estas la urbo de turismo kaj fiŝkaptistoj. En la jaro 2011 jam okazis estrarkunsido en ĉi tiu urbo, kiam ankaŭ ni loĝis kaj kunsidis en la Hotelo Calabresi.

La nuna printempa kunsido okazis inter la 18-a kaj 20-a de marto. La estraro – je la propono de la sekretario de IFEF – tial elektis denove la urbon San Benedetto, ĉar intertempe la Itala Fervojista Esperanto-Asocio decidis organizi IFEF-kongreson en ĉi tiu urbo en la jaro 2014. Nun la estraranoj povis ekzameni la elektitajn hotelojn por loĝi kaj kunsidi, la manĝeblecojn, la salonojn por la inaŭguro kaj la kulturaj spektakloj, la ekskurslokojn k.a. La urbo situas apud la Adriatika Maro kun pli ol 48000 enloĝantoj, eĉ somere proksimume dekobliĝas tiu nombro. San Benedetto havas pli ol cent hotelojn kaj ripozejojn, kelkajn preĝejojn, bele zorgeme flegitajn parkojn kun nenombreblaj diversaj palmoj, longan sablan plaĝon, novajn kaj malnovajn urbopartojn, larĝajn kaj zigzagajn mallarĝajn stratojn ktp. La urba fiŝkaptista haveno estas la plej granda en Italio. La stacidomo estas taŭga por akcepti multajn somerumantojn, kaj la fervojaj interrilatoj estas bonegaj, ĉar multaj rektaj IC-trajnoj trafikas inter Bologna kaj San Benedetto.

Laŭ la nuna plano la 66-a IFEF-kongreso en 2014 okazos en la Hotelo Calabresi. Tiu hotelo havas 50 unu-, du- kaj trilitajn ĉambrojn por pli ol 100 personoj. Proksime de tiu hotelo troveblas aliaj hoteloj, se la nombro de la partoprenontoj bezonos pli multajn loĝlokojn. La hotelo havas grandan salonon por 250 personoj, kie oni povos organizi la inaŭguron kaj la kulturajn programojn, kelkajn pli malgrandajn salonojn por kunsidi, elegantan restoracion por plena pensiono, do la hotelo estas taŭga kaj konvena_ por kongresi.

Dum la estrarkunsido – krom la estraranoj de IFEF – partoprenis la ĉefkomitatano Jindřich Tomísek, la honora prezidanto de IFEF Romano Bolognesi, kaj la honora membro de IFEF Jean Ripoche, kiu estas membro de la Redaktora Komisiono, kaj la sekretario de la LKK de la 65-a IFK.



*Akcepto en la urbodomo de San Benedetto*



La estraro de IFEF kaj la gastoj

En la kadro de la estrarkunsido la estraranoj havis multajn gravajn kaj solvendajn tagordpunktojn. Unue la LKK-sekretario de la 65-a IFK raportis pri la preparlaboro de la kongreso, pri la nombroj de la aliĝintoj, pri la kunlaboro kun la Franca Esperanto Asocio, UFE, pri la financa situacio kaj pri la programo. Ĝis nun entute aliĝis 191 kongresanoj, el ili 105 IFEF-membroj. Estas malĝojige, ke el kelkaj landoj – en kiuj ekzistas landa asocio de IFEF – neniu, aŭ nur 2-3 personoj aliĝis al la kongreso. Ekzemple el Pollando, Norvegio, Ĉinio, Serbio, Slovakio kaj Slovenio neniu, el Aŭstrio, Kroatio, Italio nur 2-3 personoj aliĝis. Tamen la preparlaboro daŭras senprobleme.

La estraro detale traktis la ricevitajn kongresproponojn, kiuj enhavas tri gravajn temojn, kaj tiuj estas legeblaj en ĉi tiu numero de IF. La estraro konstatis, ke la cirkulero kaj la demandilo estas konvenaj, tamen el kelkaj landoj ne alvenis jarraporto (Germanio, Norvegio, Pollando, Serbio, Slovakio kaj Slovenio). La estraro alvokis la atenton pri la efektivigo de la taskoj laŭ la laborplano de IFEF. La estraranoj konfirmis la venontan IFEF-kongreson en Italio, en la urbo San Benedetto, pri kio dum la kongreso en Bordozo la kongresanoj ricevos pli detalajn informojn. Por kongresi en 2015 la estraro ekzamenis la eventualajn landojn, inter ili Ĉinion. La estraro longe ekzamenis kaj traktis la aliĝpeton de la Kuba Fervojista Esperanto-Asocio al IFEF, kaj la helpopeton de la prezidanto de KFEA por partopreni en la 65-a IFEF-kongreso. La estraranoj proponas al la komitato de IFEF akcepti la aliĝpeton de KFEA, kaj por la kuranta jaro IFEF pagu por 10 personoj la membrokotizon, sed ekde la venonta jaro la KFEA pagu la kotizon. La



La estraro kunsidas

LKK de la 65-a IFK ne povos subteni la kostojn de la prezidanto de KFEA por partopreni en la kongreso.

La kasisto de IFEF informis la estraron pri la ĝenerala financa situacio, kaj konstatis, ke la financa stabileco estas trankviliga, pro tio ne necesas altigi la membrokotizon de IFEF.

La estraro konstatis, ke nia faka revuo „Internacia Fervojisto" ĝustatempe aperadis, pojare ses numeroj, la enhavo kaj la aspekto de la revuo estas konvena.



*La ĉefplaco en Ascoli Piceno*

La estraro ekzamenis la situacion en kelkaj landoj, kiuj ne apartenas al IFEF, kaj konstatis, ke la ĉefkomitatano vane klopodis fari kontaktojn kun la landoj por aliĝi al IFEF. Nur en kelkaj landoj unuopaj kontaktitaj fervojistaj esperantistoj respondis kaj aliĝis al IFEF kiel individuaj membroj. La estraranoj ekzamenis la situacion en kelkaj landoj, kiuj estas membroj de IFEF, sed la movada laboro preskaŭ ĉesis. La estraro proponas trakti tiun malbonan aferon dum la komitatkunsido en la sekva IFEF-kongreso.

En la kadro de la tagordpunkto „Eksteraj rilatoj", la komitatano „A" de IFEF ĉe UEA anoncis, ke pro personaj problemoj ŝi ne rekandidatiĝas. Pro tio la estraro proponis, ke la postenon provizore transprenu la prezidantino de IFEF. Se ŝi ne povos partopreni en la UEA-kongreso, la komitato komisiu tiun fervojistan esperantiston, kiu partoprenos dum la koncerna UK, kaj estas taŭga por gvidi la fervojistan kontaktkunvenon, kaj povas partopreni en la komitatkunsidoj kaj aliaj fakaj aranĝaĵoj de UEA.

La rilato kun FISAIC ne pliboniĝis, eĉ… Estas malbona afero, ke dum la lasta FISAIC-kunveno – en kiu nia prezidantino partoprenis – la nura laborlingvo estis la germana sen traduko eĉ al franca. Pro la fakto, ke kelkaj landoj forlasis la FISAIC-organizaĵon, la estraro de FISAIC decidis, ke neniu povu ricevi liberajn biletojn por partopreni en la IFK, se la organizanta lando de la kongreso ne apartenas al FISAIC.

La rilatoj kun SAT, ILEI, ISAE kaj UMEA estas kontentiga. Al la sekva SAT-kongreso – okazonta en Madrido – nia prezidantino ricevis inviton. ILEI aranĝos seminarion en la 65-a IFK en Bordozo, ISAE kaj UMEA regule sendas perrete siajn revuojn.

Fine la estraro ekzamenis la lokojn kaj la datojn de la aŭtuna estrarkunsido, sed findecido okazos en Bordozo.

Post la estrarkunsido la estraranoj vizitis la urbodomon, kie akceptis nin s-ro Urbinate, skabeno pri komercaj aferoj de la urba konsilantaro.Tiun akcepton partoprenis ankaŭ s-ro Pompili, prezidanto de la hotela federacio, kaj la sekretariino de la Hotelo Calabresi. Dum la akcepto nia sekretario Vito Tornillo konigis ilin pri la itala kaj



*La urborigardo en Bologna*

internacia Esperanto-movadoj. Li proponis reklami la Esperanton pere de amaskomunikiloj, kaj en la lernejoj de tiu ĉi provinco, eĉ en la urbo mem. S-ro Urbinate promesis fari tion, eĉ li anoncis, ke la urba estraro volonte gastigos nin dum la IFEF-kongreso, okazonta en San Benedetto en 2014. Nia honora prezidanto Romano Bolognesi entuziasme parolis pri la lingvo Esperanto kaj pri la fervojista Esperanto-agado. Fine la reprezentantino de la urbodomo informcele intervjuis nin (por amaskomunikiloj) pri la estrarkunsido kaj pri la sekva IFEF-kongreso. Post la sekvaj tagoj jam aperis iomete detalaj raportoj pri la intervjuo kun kelkaj fotoj en la retaj gazetoj de San Benedetto.

Marde posttagmeze ni faris duontagan ekskurson en sunbrila vetero al la montara urbo Ascoli Piceno. Dum la venontjara 66-a IFK okazos duontaga ekskurso al tiu urbo, kaj ankaŭ laŭ tiu vidpunkto ni vizitis la urbon Ascoli Piceno. Vere estas belega urbo kun multaj mezepokaj konstruaĵoj, zigzagaj stratetoj, du grandaj kaj imponaj ĉefplacoj, unu katedralo kaj 26 preĝejoj. Ni veturis al la urbo per loka trajno dum 45 minutoj. Dumvoje estis videblaj la neĝkovritaj trimil-metrojn altaj montopintoj de la montaro Appeninoj, multaj malgrandaj vilaĝoj, jam florantaj arboj kaj arbustoj, bele prilaboritaj ĝardenoj. El la stacidomo ni promenadis tra granda viadukto sur larĝa strato al la malnova urboparto. Ni sukcesis eniri al la urbodomo kaj al ĝia korto, ni vizitis kelkajn preĝejojn kaj la katedralon ekstere kaj interne. Do estis neforgesebla ekskurso, kion mi esperas ripeti dum la 66-a IFK.

Mekrede post la matenmanĝo ni veturis al la urbo Bologna, kie post abunda tagmanĝo ni promenadis ĉefe en la malnova urboparto. Romano Bolognesi klarigis pri la vidindaĵoj. En la urbo jam okazis kelkaj estrarkunsidoj, en kies kadroj nia honora prezidanto ĉiam organizis urbovizitadojn, kaj ĉiun fojon li povis montri al ni novajn kaj pli novajn urbopartojn, konstruaĵojn, postrestaĵojn kaj aliajn interesaĵojn. Li precize, interese, eĉ profesie kaj entuziasme povis paroli pri tiuj, eĉ al ĉiuj demandoj li ankaŭ povis detale respondi. Do la promenado en Bologna bone sukcesis.

En la nomo de la estraranoj kaj aliaj partoprenantoj mi dankas al la sekretario de IFEF Vito Tornillo, kaj al la honora prezidanto de IFEF Romano Bolognesi tiujn belegajn tagojn en San Benedetto del Tronto kaj en Bologna.

**István Gulyás**

# KONGRESPROPONOJ
## por la 65-a IFK

**Kongrespropono n-ro 1**

La 16-a punkto de la Kongresa Regularo enhavas: „LKK pagu la tranoktadkostojn por kvin tagoj por estraranoj, ĉefkomitatano, gvidanto, sekretarioj kaj redaktoro de la Faka Komisiono.”

La ŝanĝoproponoj estas:

1./ Propono de la Honora Prezidanto de IFEF, Romano Bolognesi:

„LKK kontribuu por la tranoktadkostoj al estraranoj, ĉefkomitatano, gvidanto, sekretarioj kaj redaktoro de la Faka Komisiono egalvalore al 2,5 %-j kun rondigo je 5,00 Eŭroj, el la finaj enspezoj pro ĉiuj kotizoj, kies kalkulado estu laŭ la anonco, kiu okazu oficiale dum la nepublika komitatkunveno.”

2./ Propono de la ĉeĥa landa asocio de IFEF:

„LKK pagu la tranoktadkostojn por estraranoj, ĉefkomitatano, gvidanto, sekretarioj kaj redaktoro de la Faka Komisiono proporcie laŭ la kotizo por IFEF-membroj ĝis la fino de la unua kotizperiodo ('baza kongreskotizo') tiel:

a./ je 100 pagitaj kotizoj oni kalkulu 2-oble la valoron de la baza kongreskotizo;

b./ je pli aŭ malpli ol 100 pagitaj bazaj kongreskotizoj la sumo sekvos la kalkulon de a./ laŭ ties proporcio rondita je 5,00 Eŭroj;

c./ la kalkulado de la sumo repaginda okazos tuj post la publikado de la oficiala nombro de la kongresanoj ĉe la nepublika komitatkunveno.”

3./ Propono de la Honora Membro de IFEF, Martin Stuppnig:

„Konsiderante la konstantan malkreskon de la Federacio vere jam superfluas anstataŭendaj postenoj. Ne plu demandu pri nova kandidato 'vicprezidanto'. Korektiga kongrespropono povas reguli ĉion eĉ korekte – laŭstatute. Ankaŭ rilate la dividon de la respektivaj taskoj. 'Aŭtomate' mildiĝos la diskutendaj elspezoj.”

4./ Propono de la estraro de IFEF:

„LKK kontribuu por la tranoktadkostoj al estraranoj, ĉefkomitatano, gvidanto, sekretarioj kaj redaktoro de la Faka Komisiono por kvar noktoj.”

**Kongrespropono n-ro 2**

Laŭ la §18 punkto a./ kaj f./ de la Ĝenerala Regularo, en la 65-a IFK okazos estrarelekto de IFEF por trijara oficperiodo.

Propono de la ĉefkomitatano de IFEF:

„Inter la kvin estraranoj demisiis nur la vicprezidanto. La aliaj kvar estas pretaj

daŭrigi la postenon, kaj estas reelekteblaj. Ĉar venis neniu kandidatpropono por estrarelekto, la kvar estraranoj provizore dividos inter si la taskojn de la vicprezidanto.”

**Kongrespropono n-ro 3**

Propono de la ĉeĥa landa asocio de IFEF:

„Ĉeĥa Fervojista Esperanta Asocio en sia lasta 47-a jarkonferenco – okazinta la 26-an ĝis 28-an de oktobro 2012 en Ĉeska Trebova – pritraktis la lastatempan financan situacion en IFEF. Konsiderante la konstantan malkreskon de la membraro de la Federacio, kaj por subteni organizon de venontaj kongresoj de IFEF, oni unuanime akceptis fari proponon por membroj de unuopaj landaj asocioj de IFEF, kaj por unuopaj membroj de IFEF fari libervolan monoferon en minimuma alto de 1 Eŭro al Kongresa Fonduso de IFEF. Por faciligi transdonon de monofero oni proponas, ke la koncerna landa asocio kolektu de sia membraro la monon, kaj poste transdonu la kolektitan monsumon al la IFEF-kasisto en konvena maniero, ekzemple en la komenco de IFEF-kongreso en la koncerna jaro.”

**Ĉefkomitatano**

# FAKAJ INFORMOJ

Prelegeto en la kadro de la 65-a IFEF-kongreso la ĉeestantoj povos aŭskulti kelkajn interesajn prelegetojn (fervojaj novaĵoj) krom la ĉefa fakprelego. Inter tiuj okazos la sekvaj:

**La japanaj trajnoj – kun ilustraĵoj**

**Preleganto: Mireille Grosjean**

Mireille Grosjean, senbrutala nomado, uzis la japanajn trajnojn el Hokkaido ĝis Kyushu abunde kaj intense. Entute ŝi restadis en Japanio 11 monatojn dum 4 restadoj.

La japana trajnsistemo estas tre evoluinta, moderna, efika. Mirejo fotis detalojn, kiuj ebligos al vi vidi, flari, aŭdi ne nur la rapidajn Shin Kan Sen, sed ankaŭ la lokajn trajnetojn sur mallarĝaj reloj.

Kompreneble belegaj pejzaĝoj ne mankos.

**Diaporamo pri konstruado de la viadukto «Des Fades»**

**Preleganto: Robert Combes**

La grandiozan inĝenieran faritaĵon interese prezentas per diaporamaj bildoj la preleganto Robert Combes. Tiu prezentado estos interesa ne nur por la fakuloj, sed por ĉiuj kongresanoj.

**Jean Ripoche**

# LASTAJ KONGRESAJ INFORMOJ

**Por la partoprenantoj de la 65-a IFK**

***1./ La LKK informas la kongresanojn, ke por la kongresanoj kiuj ne rezervis manĝajojn en MPS, estas malfacile aĉeti nutraĵojn ĉirkaŭ la kongresejo. La nutraĵ-vendejoj situas malproksime de la kongresejo.***

***2./ Jen kelkaj kompletaj ekskursoj :***

Perbusa vizito de Bordozo lundon 06/05

Vizito de Arkaŝono mardon 07/05

Vizito de Blajo vendredon 10/05.

***3./ Kiamaniere veturi de la flughaveno en Bordeaux al la kongresejo :***

Pli bone estas atingi la stacidomon en Bordeaux. De tie vi uzas la informojn aperintajn en la invitilo kaj la aliĝilo.

## Jet'Bus: la navetaŭtobuso de la flughaveno al Bordeaux

*Foriranta el la halo*, je la nivelo de la alveno, la navetaŭtobuso Jet'Bus kunligas ĉiujn 45 minutojn 7 tagoj / 7, la flughavenon de Bordeaux al la stacidomo de Bordeaux, tra la centro de la urbo. La veturado-daŭro, laŭ la fluideco de la aŭto-cirkulado daŭras ĉirkaŭ 45 minutojn.

**Horaro:**

| Foriro de la flughaveno (elirejo pordo 11) | | | Foriro el la stacidomo de Bordeaux | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 07:45* | 13:00 | 18:15 | 06:45* | 12:00 | 17:15 |
| 08:30 | 13:45 | 19:00 | 07:30 | 12:45 | 18:00 |
| 09:15 | 14:30 | 19:45 | 08:15 | 13:30 | 18:45 |
| 10:00 | 15:15 | 20:30 | 09:00 | 14:15 | 19:30 |
| 10:45 | 16:00 | 21:15 | 09:45 | 15:00 | 20:15 |
| 11:30 | 16:45 | 22:00 | 10:30 | 15:45 | 21:00 |
| 12:15 | 17:30 | 22:45 | 11:15 | 16:30 | 21:45 |

** krom sabato kaj dimanĉo*

Ekde la stacidomo, bonvolu uzi la tramon laŭ la indikoj skribitaj en la invitilo kaj aliĝilo.

Bonan vojaĝon al Artigues-près-Bordeaux

**Jean Ripoche**

# POSTKONGRESA EKSKURSO

**Ĝis insulo Patiraso (Patiras) sur la estuaro Ĝirondo kun KAJTO**

Post la 65-a kongreso de IFEF kaj la kongreso de UFE – sabate la 11-an de majo – okazos unutaga postkongreso. La partoprenantoj faros tuttagan ekskurson en la belega estuaro de la rivero Garono, kie ankaŭ partoprenos la amuza grupo KAJTO.




Ĵus forveturinte, la buso veturos sur la pendanta ponto Akvitanio; de tie desupras la rigardo al la urbo Bordozo. Poste la veturado promenos tra la vitregiono Medoko (Médoc) – mondfama regiono pro tieaj ruĝaj vinoj – ĝis la urbeto Pojako (Pauillac), borde de la estuaro Ĝirondo. La estuaro Ĝirondo estas la plej vasta en Eŭropo (75 km-j longa kaj 12 km-j larĝa ĉe ĝia elfluejo). Pluraj insuloj sinsekvas laŭ la fluo de la tajdo. Ĉiuj ĉi laŭ la historio okupis plurajn variajn funkciojn. (legom-, maiz- aù vin-produktejoj, ŝirmejoj, defendejoj, malliberejo, atendhavenoj, naturrezervejoj, ktp). Fronte al la Pojaka haveno, de kie la ekskursantoj enŝipiĝos, situas la insulo Patiras. Laŭdire ĝi elakviĝis mezepoke. Ĝi produktis vinon per vitejo protektita de virus-malsanoj dank'al izoleco. Sur ĝi staras hodiaŭ senluma lumturo; post grimpado de cento de ŝtupoj, eblos admiri belan ĉirkaŭan panoramon. La rifuĝejo apud la lumturo, freŝdate renovigita, servas kiel restoracio, kie la kongresanoj frandos lokajn specialaĵojn.

Surprizo atendas al la vizitantoj, ĉar Ankie van der Meer kaj Nanne Kalma, el la grupo KAJTO, partoprenos en la ekskurso, profitu tiun okazon por rekte diskuti kun tiuj amindaj artistoj! Krome vi ne miru, se muzikoj kaj kantoj akompanas vin plurfoje, plurloke dum la tago…

**Marcel Redoulez**

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 2012

**Antaŭrimarkigo**

La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diverspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj".

**Niaj mortintoj**

Listo de mortintoj estos legata dum la plenkunsido en la 65-a IFK en Artigues prés Bordeaux.

**1. Membrostato**

La aktuala membrostato de IFEF estas: 490 laŭ la pagitaj kotizoj, 1307 laŭ la sumo de la membroj de la unuopaj LA-j.

**2. Interna laboro**

**2.1. Estrarkunvenoj**

La estraro kunvenis dufoje: en Angers (FR) 04.04.2012, kaj en Parizo 05.10.2012. La temoj de la kunvenoj jam estis traktataj detale en la protokoloj.

**2.2. Ĉefkomitatano**

Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. oni forsendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la resumo de la Vp. Kune kun la Ks/Rd ili daŭre ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj. Pri la demandilo, la Ĉk modifis iomete la pasintan cirkuleron, kaj en la prezentado klarigis la taskojn de la funkciuloj de IFEF kaj de la kompilantoj por bone redoni sufiĉajn informojn.

**2.3. Vizitoj**

La e-kunsido en Angers okazis dum la jara kunveno de FFEA, kiu havis interesan programeron por 5 tagoj. Krom la ĝenerala asembleo okazis ekskursoj en la bela urbo mem kaj al ĝia kastelo, kaj en la ĉirkaŭaĵoj (regiono Maine kaj Lojro). Ĉiuj vesperoj estis prezentadoj distraj kaj kulturaj.

La e-kunsido en Parizo ne okazis dum speciala renkontiĝo, post la kunsido, la e-o kune manĝis kaj promenis en la kvartalo de la "Gare du Nord".

**2.4. Evoluo en kelkaj landoj**

Kiel kutime dum lastaj jaroj en kelkaj landaj asocioj de IFEF la agado iom stagnas, la pozitivaj notoj venis pro la starigo de la Kuba Fervojista Esperanta Societo, nun kun 16 membroj, sed celante pli altigi la nombron en estonteco, alia estis la restarigo de la Sveda Asocio, fare de juna kolego Vesterberg Rickard.

**3. Laborplano**

**3.1. Koresponda Servo**

IFEF forlasis la modelon "Koresponda Servo", ĉar la korespondado okazas pere de interreto, eĉ pli bone estas per IFEF diskutad-grupo, en kiu ĉiuj listanoj povas partopreni malgraŭ tio, ke ne multaj fervojistaj esperantistoj aliĝis kaj uzas ĝin.

**3.2. Junularo**

Nenio estas rimarkinda.

**3.3. Faka Komisiono**

**3.3.1 Terminara Sekcio**

Pri "RailLex" la 4a verzio de la CD-ROM oficiala de UIC estis feliĉe instalita en la komputilo de kelkaj kunlaborantoj de IFEF, malbonŝance ĉi-foje ne eblas instali

ĝin en pluraj komputiloj, tio estis limigita nur al tri instaloj, la aĉeto de alia disketo estas vere multekosta (290 € + impostoj kaj sendokostoj po 1 uzanto). Sed la laboro daŭrigas: UIC aldonis pli ol 500 novajn nociojn en sia terminaro, kaj ke en 2012 pli ol 200 Esperanto-difinoj estis enigataj tien.

**3.3.2 Fake Aplika Sekcio**

En 2012 aperis "Fervojfakaj Kajeroj" n-ro 20.

**3.5. Fervojista kontaktkunveno dum la 97-a U.K. Hanojo (Vjetnamio)**

La kolego Ernst Quietensky estis delegita anstataŭi la k-anon "A" dum la kongreso pro la ne ĉeesto de nia Vp-ino. Nia Fervojista Kontaktkunveno, okazis ĵaŭde posttagmeze de 15:15h ĝis 16:45h, do 1:30 h-jn. Kunvenis 14 vizitantoj el Aŭstrio, Belgio (reprezentanto de ILEI), Ĉinio, Japanio kaj Norvegio. Komence Quietensky skizis la laboron de IFEF kaj informis pri la lastjaraj okazaĵoj, kaj nia Kongreso en Herzberg. Krome li informis pri nia estonta IFK en Artigues- près-Bordeaux. Ĉi tie, kiel jam en Movada Foiro, li disdonis la invitilojn (unu rimarkis, ke Invitilo signifas, ke li povas partopreni senpage, ĉar li sekvas inviton). Kolego Moritaka Osioka plendis pri perdo de subteno flanke de la Fervojista Sindikato en Japanio. Li krome promesis sendi delegiton al Francio. El Ĉinio salutis S-ino Liu Jun. Fine, la norvega kolego raportis pri novkonstruo de dutraka fervojlinio inter Oslo kaj Gotenburgo, kiu servos al person- kaj vartrafikoj.

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF vintrasemajnoj**

Internacia vintra semajno ne plu okazas, sed kelkaj LA-j organizis landajn aranĝojn, kiujn partoprenis ankaŭ eksterlandanoj.

**4.2. IFEF-Kongreso**

La 64-a IFK okazis en Herzberg am Harz – la Esperanto Urbo (DE) – 19-25.05.2012. Ĉeestis 160 partoprenantoj el 18 landoj.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. IFEF estas la plej vasta, kaj unu el la plej bone organizitaj fakaj esperantistaj aliĝintaj asocioj.

**5.2. FISAIC**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter FISAIC kaj IFEF estas relative bonaj. Bedaŭrinde kelkaj LA-j de FISAIC plu ne aliĝas al ĝi, tio espereble ne ŝanĝos la rilatojn kun nia federacio.

**Fina komentario**

La situacio de nia federacio estas preskaŭ same al tiu de la pasintajaro, en kelkaj landoj – ĉefe en Serbio, Norvegio, Slovakio kaj Aŭstrio – la agado preskaŭ ĉesis. Pozitiva afero estis la fondo de Kuba Fervojista Societo Esperanto kun ĉirkaŭ 16 membroj, kaj kun la intenco pligrandigi ĝin pere de esperantistoj de aliaj urboj. Se la afero bone evoluiĝos, oni prognozas organizadon de IFEF kongreso post kelkaj jaroj. Ankaŭ en Svedio estis novaĵo, refondo de LA fare de juna fervojista inĝeniero.

La rilatoj kun aliaj esperantaj asocioj estas bone, rimarkenda estas la kontrakto subskribita kun ILEI pri kunlaborado, fakte jam dum la kongreso en Herzberg, la prezidanto de ILEI gvidis kurson kun fakaj fervojaj indikoj.

Bolonjo, 28 februaro 2013.

**Vito Tornillo**,
la Sekretario

# K O M E N C O....

En la jaro 1909 dum la 5-a UEA-kongreso en Barcelono estis fondita la unuiĝo de la „Internacia Asocio de la Fervojistoj Esperantistoj”. Unu jaron poste sekvis kunsido en Kopenhago por la fervojistaj esperantistoj, kiam oni antaŭvidis la eldonon de propra organo. Tio okazis en decembro 1910 sub la titolo: „Fervoja Esperantisto”.

La unua numero de tiu revuo havas ok paĝojn, kaj enhavas salutvortojn de la tiama prezidanto de la asocio Armand Berlande. Ĝi publikis raportojn pri la unua kunveno de la asocio en Barcelono, kaj pri la ĝenerala kunveno en Kopenhago, paroladon de la prezidanto dum la kopenhaga kunveno, kronikon pri kelkaj landoj, nomojn kaj adresojn de la naciaj delegitoj, diversajn avizojn kaj la nomojn kaj adresojn de la germanaj membroj de la asocio.



Unua jaro. — N° 1. Decembro 1910.

FERVOJA ESPERANTISTO

DUMONATA GAZETO

[illegible]

SALUTON AL ĈIUJ

[illegible]

Estas interese, ke en 1910 la membronombro de la asocio estis 177, kaj en 1911 jam 214 el 15 landoj. Ekde 1910 nia faka revuo travivis nur 63 eldonjarojn, ĉar pro la du mondmilitoj kaj aliaj malfacilaĵoj tiun oni ne povis aperigi ĉiujare. Sed ekde la fondiĝo de IFEF nia revuo seninterrompe aperas, eĉ en la jaro 1968 ĝi ricevis la nunan titolon „Internacia Fervojisto”. La titolo de la revuo foje-foje ŝanĝiĝis, sed la enhavo ĉiam restis fidela al la fervojo.

**István Gulyás**

# La ĉefa fakprelego en *Herzberg* – la Baltmara Interligo – plia evoluo – n-ro 2

Novaĵoj de la germana flanko: Landa registaro eble ŝanĝos opinion, ke la *Femernsund*-an ponton anstataŭos tunelo. Tio altigos la prezon kaj prokrastos la inaŭguron.En tiuj-ĉi monatoj la dana parlamento diskutas pri la ponto *Storstrømsbroen* kaj la riparojn kaj renovigon de ĝi, kaj certe baldaŭ la Parlamento *Folketinget* decidos pri financado. *Storstrømsbroen* estas grava danflanka parto de la estonta baltmara interligo inter Danio kaj Germanio.



Ankaŭ en la germana flanko oni diskutas. Laŭ la kontrakto Danio pagas por la danaj instalaĵoj KAJ por la interligo mem. Germanio pagas por la instalaĵoj necesaj en la germana flanko, kaj jam de la komenco oni scias, ke oni devas ripari/renovigi la ponton *Femarnsundbrücke*, kiu konstruiĝis en 1963.

La registaro de la lando Slesvigo-Holstenio nun postulas, ke oni simple anstataŭu la ponton (kun du aŭtoŝpuroj kaj unu trako) per tunelo (kun kvar aŭtoŝpuroj kaj du trakoj).

Nova ponto kostos ĉ. 800 milionajn Eŭrojn, kaj verŝajne tunelo pli ol tiom, sed tunelo estas pli bona elekto rilate al la medio.

Pro tio tiuj, kiuj kritikas la Baltmaran Interligon timas, ke la elspezoj por la germana registaro estos multe pli altaj ol atendite. Jam nun oni komparas tiun-ĉi projekton kun la '*Stuttgart 21*'-projekto pri nova, subtera ĉefstacidomo, kiu iĝos multe pli kosta ol dekomence kalkulite.

Do, la pesimistoj opinias, ke la demando pri *Femarnsund* povas grave prokrastigi kaj eĉ nuligi la planojn pri Baltmara Interligo.

Fonto: La tagĵurnalo *Sjællandske*, 20022013. Foto: Vikepedio.

**DEFA**

# La 29-a INTERNACIA FESTIVALO EN DORTMUND

## 27.12.2012 - 3.1.2013
## Kadra temo: komputilo / interreto

Ĉi-jarfine Dortmund gastigis la 29-an Internacian Festivalon en la junulara gastejo, kiu troviĝas en la centro de la urbo. La eventon bone organiz*i*s Hans-Dieter Platz, konata sub la mallongigo HDP. Partoprenis ĝin 80 geesperantistoj el 15 landoj. La plej foraj partoprenantoj venis el Israelo, Japanio kaj Kanado. Kiel kutime la programo estis varia kaj enhavis multajn diskutajn, kulturajn, klerigajn kaj distrajn erojn, tial ĉiu povis libervole elekti sian preferatan programeron.

Dumtage okazis interesaj prezentoj, dediĉitaj ne nur al la kadra temo, sed ankaŭ aliaj temoj estis pritraktataj dum prelegoj, seminarietoj, diskutrondoj. Ne mankis libroservo kun vasta oferto de diversaj libroj kaj aliaj esperantaĵoj. La kadra temo estis priparolata en pluraj prelegoj. Krome okazis aliaj interesaj programeroj: matena gimnastikado, muzikaj atelieroj, aŭtoraj horoj, prilaborado de steatito (sapŝtono), kaj juvel-farado, mantro, dancado, muzik-improviza ateliero. Allogis prelego pri kuracaj plantoj fare de Harald Schicke. Pri spertoj de la vintra subĉiela naĝado rakontis Kristin Tytgat. Pri gaŭlo-romiaj diinoj prelegis Wilfried Schumacher. Anna Striganova kaj Dima Schevĉenko el Rusio enkondukis nin al la mirakla mondo de fabeloj, dokumentita per belaj pupetoj memfaritaj de Anna.



*Belulinoj dum la festivalo*

Jam la sesan fojon okazis la Internacia Vintra Universitato (IVU), kiun sukcese partoprenis rekorda nombro da ekzamenatoj. Ili ĉiuj ricevis la respektivajn AIS-atestojn.

Tre sukcesa kaj aprezata estis la prelego de Hannes Larsson pri violono. Amri Wan-



*Ekspozicio*

del interese kaj entuziasme rakontis pri aventuroj dum sia vojaĝo tra Laoso kaj Birmo. Harald Schicke rememorigis Universalan Kongreson en Hanojo per serio da bildoj, kiujn poste ankoraŭ kompletigis Rémy Bouchet. Dum la israela vespero Amri omaĝis al la tre aprezata amiko Josef Ŝemer, kiu bedaŭrinde forpasis printempe kaj kiun multaj el ni konis. En la dua parto de la vespero Gila (la edzino de Amri) prezentis belan ventro-dancon. Poste la paro montris bildojn pri la pasintjara Israela Kongreso kaj invitis partoprenantojn al la 7-a Azia Kongreso, kiu okazos en Jerusalemo aprile 2013. Sekvis bilda prezentado de turismaj lokoj, kiujn oni vizitos dum tiu kongreso, kaj komuna popoldancado.

Vesperajn programerojn plenumis la partoprenantoj. Okazis interkona kaj internacia vesperoj, koncerto de Mikaelo Bronŝtejn kaj Sergeo Straŝnenko, kvizo, dancvespero en la ritmo de rokenrolo. Dum la bierseminario Harald Schicke rakontis pri fabrikado de biero, ĝiaj sanigaj efikoj kaj ni gustumis˙ok specajn lokajn bierojn. Dum tio ekestis tre agrabla babilado.

Dufoje oni promenis tra la urbo kaj kelkaj el ni vizitis ankaŭ DASA-ekspozicion. Dum la tuttaga ekskurso ni malkovris la Ruhr-regionon, en kiu Dortmund troviĝas. En la urbo Bochum ni vizitis planetarion, kie Amri Wandel klarigis pri kelkaj bildoj de la astronomia ekspozicio, kaj la sekvan tagon en sia prelego li kompletigis niajn sciojn kaj montris la planetarian ĉielon. Poste ni veturis al la urbo Essen, kie ni vizitis eksan minejon kaj koaksigejon. Tie ni ricevis interesajn informojn pri ĝia pasinteco. Ni bonguste tagmanĝis en tiu nekutima loko.

Dum la paŭzoj, kaj ĉefe post la vesperaj programoj ĝis malfruaj horoj estis la ŝatata knajpo. Tie oni ricevas variaĵojn de bieroj, vinoj, kokteloj, teoj kaj aliaj trinkaĵoj kaj almanĝaĵoj. Ĉi-foje la knajpon estris Harald Schicke kaj Johanna Platz (la edzino de HDP) kun helpo de Anna kaj Dima. Akordiona muziko ĉiam kreis tre agrablan etoson akompanante kantadon. La Silvestra bufedo estis ĉiam riĉa kaj bele prezentita. La balo kiel kutime komenciĝis per la polonezo. Ni ĝoje tostante bonvenigis kelkajn novjarojn (laŭ la loĝhorzonoj de la partoprenantoj). Poste ni dancis kaj bone amuziĝis ĝis frumatenaj horoj.

Dum la internacia vespero la partoprenantoj montris siajn talentojn. Ni aŭskultis kantojn, muzikon, ĝuis skeĉojn. Per kantoj de barbuloj oni finis tiun lastan vesperon.



*Ĉiam devas trinki?*

Estis anoncite, ke la Internacia Festivalo sub la gvido de Hans-Dieter-Platz (HDP) ne plu okazos post la 30-a jubileo. Do, se vi deziras ĝui neforgeseblan internacian semajnon, pasigi agrablajn jarfinajn tagojn, kaj festi la jubileon en amika kaj gaja etoso, venu al la 30-a Internacia Festivalo, kiu denove okazos en Nordlingen. Ni esperu, ke tiu bela kaj neforgesebla tradicio de la Internaciaj Festivaloj daŭros en la estonteco.

**Liba Gabald**a

# El Rusio al Ameriko

La rusia registaro subtenas projekton, kiu havas ŝancon fariĝi la plej signifa infrastruktura ago en la mondo. Laŭ la projekto oni planas konstrui transkontinentan fervojan linion, kiu kunligos Siberion kaj Malproksiman Orienton kun Norda Ameriko. La traceado iros tra la Beringa Markolo, kaj borata tunelo 103 km-jn longa, tiel fariĝos la plej longa tunelo en la mondo. Ĝi ja estos duoble pli longa ol la kvindekkilometra tunelo sub Maniko (Kanalo de Atlantiko), kunliganta bordojn de Francio kaj Anglio. En la konstruado partoprenos Rusio kaj Usono kun elstara subteno de privataj firmoj, kiel ankaŭ el Kanado. La konstruado konsistos el tri partoj: tiu unua kunligos la bordon de Ĉukĉa Duoninsulo kun insulo *Ratmanov* (*Ostrova Diomida*), tiu dua kunligos la bordon de Alasko kun insulo *Krusenstern*, kaj tiu tria ambaŭ menciitajn insulojn. Tio permesos komenci konstruadon el kvar lokoj samtempe, tiel la tunelistoj de ambaŭ landoj povos renkontiĝi sub Beringa Markolo en loko de internacia demarkacia linio, iranta inter la menciataj insuloj.




Laŭ nuntempaj taksoj la realigo de tiu ĉi projektego kostos ĉirkaŭ 100 miliardojn da dolaroj (pr. 78 miliardoj da eŭroj). La projekton financos plejparte privataj firmoj. Ŝajnas, ke eble pli temis pri gestofaro, por definitive kredigi usonanojn, ke Rusio opinias konstrui la tunelon serioze. Iuj fakuloj tamen havas duban opinion, ĉu konstruo fariĝos profitiga. Aliflanke oni tamen kalkulas pri tio, ke tra la tunelo inter Ameriko kaj Azio oni transportos ĉirkaŭ po 100 milionojn da tunoj de varoj jare, do ne devus temi pri malprofita entrepreno. Tutcerte, temas pri grandega monsumo, sed ĉio estas relativa. Pro tio ĝia guberniestro *Shon Parnell* postulas de amerika kongreso, kaj faras ĉion eblan por tio, ke la projekto efektiviĝu, ĉar li scias, ke tio donos tiom bezonatan impulson por alaska ekonomia disvolviĝo. Kaj ne nur por Alasko, ĉar tio ebligos konstrui transkontinentan trafikvojon, kiu kunligos Londonon kun Novjorko, Azio, Mez- kaj Sudamerikoj, helpos al la marhavenoj sur okcidenta bordo de Atlantiko, kiuj estas troŝargataj, donos disvolvigan impulson al okcidenta parto de Kanado, Pacifikoceana nordokcidento de Usono kaj al pliaj amerikaj ŝtatoj situantaj pli sude. Aliflanke, al Rusio tio ebligas solvi strategian problemon, kiu baziĝas en konservo de ĝia tuteco, ĉesigon de senhomigado de Siberio kaj Malproksima Oriento, kaj en starto de procedo por enmigrantaro, dank´ al kreo de novaj laboreblecoj, kaj por plibonigi kvaliton de vivo en tiuj ĉi vastaj spacoj.

Ni do ne miru, ke realigi konstruon de la tunelo – en kiu oni planas konstrui dutrakan elektrizitan linion kaj priservan tunelon –, tra kiu iros ankaŭ elektroenergia kaj interliga infrastrukturo, oni planas nur post la jaro 2030. En usona-kanada parto estos bezonate novkonstrui 2000 km-jn da fervoja linio el *New Haslton* (Brita Kolumbio) al *Fairbanks*, kaj de tie al kabo *Wales* en Alasko. En la rusa parto estas bezonata en 2013 finkonstrui preskaŭ 800 kilometran parton de fervojlinio, kunliganta Transsiberian ĉeflinion kun *Jakutsko*, poste komenci konstruadon de fervojlinio preskaŭ 4000 km-jn longan el *Jakutsko* al *Uelen*, situanta ĉe la bordo de la markolo. La konstruo de tiu ĉi komplekso ebligos al Rusio, same kiel al Ameriko akiradi grandajn enspezojn de la transita trafiko.

Krom tio, al Rusio tio permesos uzi en orienta parto de ĝia teritorio grandegan potencialon de akvofontoj, nuntempe uzata nur je 5 %-j, dum ĉi tieaj akvoelektrejoj kapablas produkti po 664 miliardojn da kWh da elektra energio jare, kio estas 76 %-j de la tuta potencialo de Rusio. Se okazos planata kunligo de energiaj sistemoj de Siberio, Malproksima Oriento kaj Norda Ameriko, ĝi alportos profiton de 20 miliardoj da dolaroj po jaro. En Siberio kaj Malproksima Oriento estas koncentritaj 85 %-j de potencialaj energiaj fontoj de Rusio, inkluzive 90 %-j da karboprovizoj, 70 %-j da gaso kaj nafto. La konstruo de tiu ĉi fervoja linio permesos aliron al grandegaj trovejoj de menciitaj krudaj materialoj. Al tiuj ĉi traceadoj estos ligataj pliaj infrastrukturoj, precipe per konstruataj novaj alirvojoj, kio rezultigos aperon de novaj loĝaglomeraĵoj, eventuale urboj. La fervoja ĉeflinio samtempe pliproksimigos tiujn ĉi fontojn al grandega ekonomia potencialo de Ameriko, kio estas unu el gravaj kaŭzoj, kial amerikanoj decidis investi en ĝin, ne parolante pri reiro.

La projekto alportos ankaŭ pliajn avantaĝojn al amerikanoj. Ekzemple, amerika kompanio – kiu komencos el flanko de Usono konstrui gasodukton – aprobis tiun ĉi konstruadon de trafikvojo ankaŭ pro tio, ke ĝi ebligos al ĝi transporti tubegojn 52-colajn (133 cm-j) al lokoj de konstruata gasodukto, kies traceadon oni decidis plenumi laŭlonge de fervoja linio. Tio plifaciligos la konstruadon, la firmao mem ne devos konstrui tiucele alirvojon. La projekto – konstrui tunelon kun fervoja linio tiel al ĝi – ŝparos ĉirkaŭ 1 miliardon da dolaroj, en supozataj elspezoj por konstruo de gasodukto en alto 25 miliardojn da dolaroj.

La aprobo de la projektoj en amerika flanko daŭris pli ol ses jarojn. Meriton en tio havas precipe ekologoj, kiuj detale esploris la projekton en senco, kiom la projektitaj konstruaĵoj influos ĉiun riveron kaj rivereton, ĉiun bestvojeton. En Rusio tiuj procedoj estis multe malpli longaj laŭ principo „ĝi estas deviga“, kio tamen ne signifas, ke ekologiaj problemoj ne estis pritraktataj. La projekto ricevis respekton ankaŭ flanke de aliaj pacifikaj landoj. En apartan proceden malagrable influis financa mondkrizo kaj ne estas nepre malebla, ke ĝi ankoraŭ influos. Tamen oni devas priatenti, ke tiuj ĉi elspezoj estas samtempe investoj, kiuj povas plivigligi la mondan ekonomion. Pri la tunelo profitos ankaŭ Ĉinio, Japanio kaj Korea Respubliko. Precipe ĉinoj estas supernorme interesataj pri la projekto. Nuntempe la varo – transdonita por transporto el Pekino por Ĉikago – estas transportata 9 mil mejlojn kaj pli, depende de la uzata haveno. La sama varo transportata tra la tunelo traveturos fervojlinion ĉirkaŭ 7500 mejlojn longan. Tiel okazos redukto de transportkostoj pro la mallongigita vojo, forfalos la duobla transkargado – el vagonoj al ŝipoj kaj el ŝipoj ree en vagonojn,

plisimpliĝos la laboro kun transportdokumentoj, reduktiĝos la perdoj kaŭzitaj pro pereo aŭ difektigo de la transportata varo. _Krome tra la tunelo Ĉinio importos rusan karbon, kaj eksportos varojn al Alasko, kie estas nun ĉio plimultekosta, ĉar preskaŭ ĉio estas importata aviadile. En Alasko praktike ne ekzistas konstruaĵoj el brikoj. Importi ilin tien estas plene neekonomia. Nuntempe bazaj liveroj de varoj el Azio al Ameriko iras sur maro. La surtera trafiko – per la uzo de la tunelo estos kvinoble pli rapida. En la ekspozicio *EXPO 2010* en Ŝanhajo – kadre de konkurso, fare de cent renovigaj projektoj al prezentita projektego en la kvara Civiliza forumo – estis transdonita premio *Grand Prix*.

En la realigo de la projekto estos bezonata venki vicon de obstakloj, al kiuj apartenas: krudaj klimataj kondiĉoj kiel sur la tero, tiel ankaŭ en maro, konstruo de vasta helpa infrastrukturo, kaj tio kiel en Siberio, tiel en Alasko, supero de diferenco en ŝpuro inter fervojaj reloj, kio nuntempe estas jam teknike solvita problemo, riskoj ligataj kun minacoj pri la vivmedio, kaj fine neceso kolekti bezonatajn financajn rimedojn.

La projektistoj kaj konstruistoj bonŝancas pro la fakto, la projektistoj tamen ne povas permesi al si riskon trotaksi tiun ĉi faktoron.

La tunelo estos konstruita tiel, ke ĝi kapablu rezisti tertremajn ekskuiĝojn pli ol 7-gradaj laŭ la *Richter*-a skalo. En la konstruo de la tunelo estos uzataj ĉiuj novaĵoj en tiu ĉi medio, precipe en la sfero de sekuraj aranĝaĵoj kaze de averioj.

La fakuloj supozas, ke la konstruado daŭros ĉirkaŭ 15 jarojn, se ne aperos iuj eksterordinaraj, precipe neantaŭvideblaj cirkonstancoj. Malgraŭ tio ekzistas granda interesiĝo pri la konstruado. Por partopreni en la realigo de la projekto aspiras ankaŭ japanoj, kiuj eĉ asertas, ke ili povus realigi la konstruadon dum duontempo kaj duonpreze.

Tamen kaj la usonanoj kaj la rusoj bone scias, ke temas pri strategie gravega projekto, kaj tiel eblas facile kompreni, ke ili ne bonvolas transdoni ĝian realigon al triaj manoj.

Treege akrasenta faktoro estas realigi la projekton el la vidpunkto de la politikaj kontaktoj inter Rusio kaj Usono.

La ekzisto de la reciproka konfido estas neevitebla atributo por ĝia realigo. Sendube estas, ke tutmondaj investoj en tiun ĉi projekton estas investo en plifirmigon de paco kaj reciproka sekureco, kio alportos longtempajn ekonomiajn avantaĝojn por kosto, kiu estos esence malpli alta ol kosto por gvidi militon en intereso garantii sekurecon. En nuntempa nervoza monda politiko tamen povas okazi kio ajn. Krom alia oni devas vidi ankoraŭ tion, ke Beringa Markolo estas tre proksima al Arkta Regiono, kies nafto, gaso kaj plia minerala riĉaĵoj altiras ĉiam pli multajn adeptojn, kaj ne nur el senpere najbaraj landoj, sed ankaŭ el Ĉinio; sin anoncas ankaŭ Brazilo kaj Hinda Unio. Problemojn pri divido de limoj en Arkta Regiono kaj de ĝia statuso estas solvataj en UNO, kaj ni esperu, ke oni tie eĉ solvos ilin.

Ideo konstrui tunelon aŭ ponton trans Beringan Markolon estas jam pli ol centkvindekjaraĝa. Revis pri tio usona prezidento *Lincoln*, kaj la rusa caro Nikolao la II-a. En lastaj cent jaroj pri la interligo pripensis politikistoj kaj teknikistoj. Sed nur en unua duono de tiu ĉi jarmilo ĝi povas fariĝi realaĵo. Ĉiukaze tio alportos grandan intervenon en vivon de multaj regionoj kaj homoj, ol oni antaŭe supozis

Preparis **Jindřich Tomíšek**

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**63-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr“

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos út 98. I/9
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu“
**Membroj:** J. Cziboly, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud“**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Misztótfalusi Nyomdaipari Kft.
Hungarlando
**„www.ifef.net“**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk“
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de“
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„kovar.lad@email.cz“

# NASKIĜDATREVENO



La 13-an de marto 2013 s-ino **Elfriede Kruse** festis sian 99-an naskiĝdatrevenon. Pro ŝia granda merito, kaj entuziasma agado sur la tereno de la fervojista Esperanto-movado, en la jaro 1975 ŝi estis honorigita per ora FISAIC-medalo, kaj en 1980 ŝi estis nomumita Honora Membro de IFEF.
En la nomo de la fervojista esperantistaro ni gratulas al ŝi, kaj ni dankas ŝian plurdekjaran laboron por Esperanto. Ni deziras al ŝi sanon, feliĉon kaj pacajn, trankvilajn ceterajn vivjarojn.

**IFEF**